# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 07/12/2017 Tricent- kvindekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

# Centjara Naskiĝfesto de Marcel Leereveld

Roger Springer kaj Marcel Leereveld ĉe la naskiĝfesto de Marcel en Melburno



**Fotoj** de hieraŭ estas videblaj/elŝuteblaj . (fotis Joanne Johns)

ĉi tie: https://raevan.smugmug.com/People/Marcels-100th/n-N9Jxr9/i-8rdnmBC

Amike, Ĝo



# 100 jara

**Kelkaj aliaj fotoj ate de Roger kaj Mei Springer**












"Gratulojn kaj Bondezirojn al nia eminenta Patro/Patrono de Esperanto en Aŭstralio, Marcel Leereveld. La vivo daŭru esti por vi ĉiutaga beno.
Vera Payne."



Ekstudis pli ol **1,130,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **257,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,390,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**

# Semajna raporto de Melburno





## SABATO - LA GRANDA FESTO

Sabaton la 2an de Decembro dek ses esperantistoj kuniĝis kun multaj familianoj kaj amikoj de Marcel ĉe la Tecoma Uniting Church por helpi celebri lian centan naskiĝdatrevenon. Kelkaj venis de aliaj ŝtatoj, kaj kelkaj kiuj ne povis korpe ĉeesti venis "spirite" per Skajpo por doni bondezirojn al Marcel.

Estis multe da manĝaĵo kaj muziko kaj estis tre ĝuebla aŭdi pri Marcel en la paroladoj de homoj kiuj konas lin pro diversaj kialoj.

## LUNDA KUNVENO - LA FESTETO

Lundon la 4an de Decembro dek sep homoj venis al Ross House por plu celebri la naskiĝdatrevenon de Marcel. Ni multe manĝis, drinkis kaj babilis, kaj aŭskultis historian rakonton de Marcel. Li ricevis kelkajn donacojn, inkluzive de krokodil-forma plumo, ludila eskimo kun esperanto-flago (referenco al lia ofta diraĵo ke onia Esperanto devas esti sufiĉe klara kaj internacia por ke eĉ eskimo povu kompreni), kaj bela brakhorloĝo. Franciska donacis sian belan voĉon por kanti al Marcel amkanton en la franca, kiun li entuziasme kunkantis. Ni preskaŭ forbruligis la kukon pro la kvanto de kandeloj sed bonŝance ni kunportis duan! Je la fino de la vespero venis germana gasto de Tajlando kaj ni ĉiuj bedaŭris ke li mistrafis la plej bonan parton de la vespero.





## VENONTAJ KUNVENOJ

Dimanĉa kunveno

Dimanĉon 10an de Decembro je 15:00, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square.

Lunda kunveno

Lundon 11an de Decembro je 18:30, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

Zamenhof-festo

Sabaton 16an de Decembro je 18:30, ĉe Melbourne Unitarian Peace Memorial Church, 110 Grey St, East Melbourne

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 990 Instagram – 113

Facebook – 353 Telegram – 18

Twitter – 349

*Joanne Johns*








Partoprenantoj de la lasta kongreso en Brizbano partoprenis en scio & saĝeco de nia amata samideano, Marcel .

*Petro Danzer* BES Sekretario



# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 5 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




P.A.G. diras, ke ekzistas kvin modaloj de la verbo, la tri t.n. finitivoj "–as kaj –is kaj –os" kaj la volitiva "-u" kaj la kondicionala "-us", kaj unu infinitivo en "-i", kaj la naŭ participoj. Fakte ekzistas nur tri modaloj, nome Infinitivo, Participoj, kaj Finitivo, dum la Modalo Finitivo konsistas el tri modoj, nome Indikativo kaj Kondicionalo kaj Volitivo. Sed mi ne inkluzivigas la participojn, ĉar ili ne havas verban finaĵon kaj estas adjektivoj. Notu ke kelkaj etnaj lingvoj havas pli ol unu infinitivojn, kun nesamaj signifoj, kaj ke escepte de la greka kaj kelkaj aliaj la eŭropaj lingvoj havas nur du aŭ tri participojn.

P.A.G. diras ankaŭ, ĝuste, ke "ekzistas kvar voĉoj: la aktiva, la pasiva, la faktitiva, kaj la mediala". Ĝi aldonas ke "la faktitivo kaj la medialo uzas sufikson kaj la aktivo ne, kaj ke la pasivo uzas kompleksajn formojn". Ne tre logika, kaj ne simpla! Ĉu vi samopinias pri ĉi tiu stranga miksita traktado de la voĉoj? Diru vian opinion en la sekvonta A.E.!



*Marcel Leereveld.*





# El Adelajdo

## Lingva festivalo ĉe la Universitato de Adelajdo

Profesoro Ghilad Zuckermann la duan fojon organizis ĉe sia universitato lingvan festivalon (la 29-an de novembro). Belega salono, eminentaj gastoj, muzikistoj - tiel estis

komence. Poste 4 foje 6 lingvoj prezentatis en 20-minutaj kursetoj. Benno Lang kaj Sean Hilton (surfote) prezentis Esperanton al pli ol 30 interesiĝantoj (dua foto). Aldone, Benno aperis ankaŭ en la novaĵbulteno de la televida kanalo SBS (la 2-an de decembro) kadre de la ero pri la festivalo.



*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE.* *Roger S*

**La celo estas krei kunligatan Esperanto-familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

**Fotoj bezonas nomojn. Artikoloj bezonas kapfoton. Aŭstralio estas granda lando.**

**La celo estas krei kunligatan Esperantan familion. Sendu memkaptitan foton *(selfie)***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Geedzoj** **Gejedzoj** **Gejedzinoj**









Bob Felby demandis (AE 349) 'kio estas “geedziĝo” inter du samseksaj homoj?'.

Kiam viro kaj virino geedziĝas, en geedziĝo, li edzinigas ŝin kaj ŝi edzigas lin. Ili fariĝas geedza paro (NPIV).

Kiam du gejoj (NPIV) edzigas (aŭ gejedzigas) unu la alian, ili gejedziĝas en gejedziĝo (Kontakto) aŭ samseksedziĝo. Ili fariĝas gejedza paro aŭ geja paro (CE) aŭ samseksa paro (CE).

Kiam du lesboj (aŭ lesbaninoj) edzinigas unu la alian, ili lesbedziniĝas en lesbedziniĝo. Ili fariĝas lesbedzina paro aŭ lesba paro (CE) aŭ samseksa paro (CE).

Tamen, NPIV ankaŭ donas la vorton gejino. Do, mi supozas ke kiam du gejinoj edzinigas unu la alian, ili gejedziniĝas, en gejedziniĝo. Ili fariĝas gejedzina paro aŭ gejina paro. Sed neniu uzis tiujn terminojn ĝis nun, laŭ Guglo.

Unu membro de paro estas parulo aŭ parulino (NPIV).

Edzparo ŝajne estus paro de edzoj, sed oni jam uzas tiun vorton por viro kaj virino, geedza paro. Do edzparo estas evitinda, ĉar ĝi estas dubsenca.

La ĉefa problemo pri la vortoj kiuj komenciĝas per gejedz- estas parole distingi inter tiuj vortoj kaj tiuj, kiuj komenciĝas per geedz-.

La terminoj por transgenraj paroj povus esti pli kompleksaj. Ni atendu realan uzadon.

Referencoj

CE estas CorpusEye: corp.hum.sdu.dk

Guglo: iu menciis lesbedziniĝo, sed nur unufoje.

Kontakto: la vorto gejedziĝo aperis en Kontakto en 2015. Jam ekzistis samseksedziĝo.

NPIV estas La Nova Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (2002).

Revo: transgenra kaj transgenrulo troviĝas en Reta Vortaro:

www.reta-vortaro.de




Donald Rogers

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

"Koncerne la geedziĝon de samseksemuloj: kial ne simple 'samseksedziĝo' kaj ankaŭ eble 'samseksedziniĝo' ? Vera Payne"

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# TRA MIA ĜARDENO.



1). Ree floras mia *Bird of Paradise shrub*, Poinciana Galiesi, paradizbirda floro, kiu kreskas parte sub ekstera tegmento ĉar ĝi estas tre tropika planto. La floroj koloras flave kaj la tre longaj eksteren kreskantaj pistiloj estas ruĝaj. Sed mi regule devas doni akvon al la arbusto, ĉar ĝi staras en la mezo de grupo de tre trinkemaj plantoj, kaj apud brazila arbo nomita ĵakarando, Jacaranda acutifolia, kiu havas samformajn foliojn flugilajn aŭ filikajn kiel la poinciano, kaj oni ne povas vidi la diferencon tie kie ambaŭarbaj branĉoj kunas. La longa pistilo de la poinciano similas al la longa lango de la birdo, do pro tio la nomo. Kompreneble floras ankaŭ aliaj arboj kaj arbustoj kaj plantoj, i.a. la belegaj unutavole petaletaraj floroj de la origine bredita rozo. Ankoraŭ ne la sovaĝaj rozetoj, la erikrozetoj. Krome floras sovaĝaj plantoj, kiel la belaj blankaj lekantetoj kaj la flavaj ranunkoloj. M. L.





2). Responde al Franciska: Kredu min: kiam mi estis verkanta la pecon mi unue metis "(tranĉi la trunkon) ĝis nur du metrojn". Ĉe relego mi, pensante pli profunde, korektis ĝin al "ĝis nur du metroj". Ĉe tria relego mi ree profunde pensis kaj korektis al "ĝis nur du metrojn". Ĉu mi tranĉis la trunkon je metroj, do metrojn, aŭ ĉu mi tranĉis la trunkon ĝis metroj, do vertikale ĝis (du) metroj. Mi konkludis ke mi tranĉis la trunkon je metroj el la grundo. Kiom da metroj? Respondo: ne du metrojn sed 'ĝis (nur) du' (metrojn). Kaj tion mi decidis. Treege hazarde mi hieraŭ legis en P.A.G., ke en tiaj kazoj Zamenhof samopiniis kun mi, kaj ke P.A.G. samopiniis kun ci. Jen simila kazo: "Ili rajtis manĝi ĝis kvar pantranĉoj(n); ĉu ili rajtis manĝi ĝis pantranĉoj, do kvar, aŭ ĉu ili rajtis manĝi pantranĉojn je la nombro 'ĝis kvar'? Miopinie mi segis ne ĝis metroj, sed je metroj, = metrojn, je nombro de 'ĝis (nur) du'. Zamenhof pensis same.

Kompreneble ci pravas pri mia erara "maltrakti": mi simple intencis diri "malbontrakti", sed forgesis enmeti la "bon", kaj ĉe relegado malinteligente ne vidis la eraron. Ankaŭ "mistrakti" konvenas.

Pri "edziĝi ne laŭkutime": leginte la proponojn de ci, de Roger, de Bob, kaj de mi, mi plu trovas ke la solvo de Bob kaŭzos malplej da miskomprenoj (duedz(in)o(j). Notu ke "duedz(in)" signifas "kie estas du edzoj aŭ edzinoj, kaj ke du edzoj de du edzinoj aŭ du edzinoj de du edzoj estas "edzduo" kaj "edzinduo". Do miskomprenoj malfacile troveblas ĉe "duedz(in)iĝo".

Pri "partnero": En Aŭstralio du geviroj kiuj formas malgrandan familion kutime nomas unuj la aliajn "partneroj" se ili ne oficiale geedziĝis. Mi tre malŝatas tiun vorton por situacio kiu tre similas al geedzeco. Mi do proponas por Esperanto, kaj la angla, la nomojn kvazaŭedz(in)o kaj kvazaŭ-geedzeco kaj kvazaŭgeedziĝo kaj kvazaŭgeedzoj.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatikaj Objektoj ĉe Netransitivaj Verboj.



Kvankam Zamenhof diris, ke ni povas uzi akuzativan Objekton ankaŭ ĉe netransitivaj verboj, do ĉe ĉiuj verboj, tia uzo estas limigita nur al speciala kazo. Tiu speciala kazo ekzistas ankaŭ ĉe la hindeŭropaj lingvoj, precipe en la slavaj kaj ĝermanaj lingvoj. Tia uzo okazas precipe en poezia lingvo.

La limigita objektuzo konsistas en uzi la saman radikon de la netransitiva verbo kun la sama signifo, ekz. "Ŝi dormis longan, profundan, kaj ripozigan dormon". Ĝi estas pleonasmo por la



pli simpla "Ŝi dormis longe, profunde, kaj ripozige" kaj signifas preskaŭ la samon kun nur signifo-nuanco. Ĝi kreas floran stilon, traktantan la agon, la dormadon, kiel specialan okazon. Tial multaj homoj ne aŭ treege malofte uzas ĝin. La substantiva Objekto devas en ĉi tiaj kazoj ĉiam ĉehavi almenaŭ unu adjektivon, ĉar oni ne povas simple diri "Mi dormis dormon". Anstataŭ la "samradika objekto" (angle: *Cognate Object*) de la netransitiva verbo oni povas samkaze uzi substantivon signifantan preskaŭ la samon kiel la verbradiko signifas, ekz. "Li grimpis danĝeran altiĝon" kaj "Ŝi sidis longan senmoviĝon" kaj "La ĉevaloj konkursis frenezan kuron" kaj "La indianoj fumis paceman fumadon" kaj "Ni kuŝis plenan ripozon" kaj "Li retrovenis esperatan retroon". En Esperanto la pli mallongaj esprimoj estas konsilindaj ĉar malpli komplikaj. En la angla ekzistas simila esprimplilongigo, necesa por kontraŭi en tiu lingvo la troan mallongecon de multaj vortoj; tiu angla fenomeno uzas la verbon "havi" kun kiel Objekto la substantiva formo de la verbo, ekz. "*To have a sleep*" anstataŭ la pli mallonga "*to sleep*" uzata en aliaj eŭropaj lingvoj. Ankaŭ "*to have a drink*" por "*to drink*" kaj "*to have a walk*" por "*to walk*" kaj "*to have a try*" anstataŭ "*to try*". Kelkaj el tiuj "*have*"-esprimoj ŝanĝis iomete aŭ multe sian originan signifon, ekz. "*to have a go*" kaj "*to have a bash at*".

La simplaj alternativoj por la Esperantaj "samradikaj objektoj" estas AŬ ŝanĝi llian Objekton al adverbo, ekz. "Ŝi dormis profundan dormon" al "Ŝi dormis profunde", AŬ uzi prepozitivan adjekton, ekz. "La indianoj fumis kun pacema celo".

Samradikaj Objektoj povas uzati ankaŭ ĉe transitivaj verboj, ekz. "Ni manĝis plenan manĝon" kaj "Ni trinkis refreŝigan malsoifon".

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
Denove, nia grupeto renkontiĝis lastan sabaton kaj ĝuis babiladon, vidindaĵojn kaj tre varman kafon,
Chris Holliss



# Vojaĝo al Aŭstralio.

Mi kaj mia amikino vojaĝos en decembro al Aŭstralio. Bonvolu aperigi en la venonta "Aŭstraliaj esperantistoj" nian itineron. Ni ĝojus, se iu povus gastigi nin kaj helpi per konsiloj. Se jes, ni petas rapidan reagon. Mia adreso estas : chygo97@naver.com
Amike, Younji

| Dato | Loko | Enhavo | Dormejo | Veturilo | Tempo |
|---|---|---|---|---|---|
| 22.Dec | Seulo → Sydney | De ICN/SEL flughaveno al Sydney flughaveno | en aviadilo | aviadilo | (foriri)14h45m ~ (alveno)9h25m / 23.Dec |
| 23.Dec | Sydney | Alveno je Sydney; Registriĝi je dormejo | E-domo | | kiam alvenite |
| 24.Dec | Sydney | | Edomo | | |
| 25.Dec | Sydney→ Melbourne | | trajno | trajno | 20h42m ~7h30m |
| 26.Dec | Melbourne | Alveno je Melbourne; Registriĝi je dormejo<br>Ripozi kaj Turismi | | | kiam alvenite |
| 27.Dec | Melbourne | The Twelve Apostles on Great Ocean Road | | | |
| 28.Dec | Melbourne | Rajdi biciklon | | | |
| 29.Dec | Melbourne | Mendi trajnbileton inter kazino-Surfur por 4 Jan (19h11m~21h13m) | | | |
| 30.Dec | Melbourne → Sydney | | trajno | trajno | 19h50m~6h56m |
| 31.Dec | Sydney | Alveno je Sydney; Registriĝi je dormejo<br>Ripozi kaj Turismi<br>Vespere ĝui artfajraĵon<br>Mendi trajnbileton inter Surfur-Brisbane por 8 Jan (20h32m~21h34m) | E-domo | | kiam alvenite |
| 1.Jan | Sydney | Ekskursi urbocentron per biciklo(planote en la antaŭa tago) | E-domo | | |
| 2.Jan | Sydney | Turismo je the Blue Mountains | E-domo | | |
| 3.Jan | Sydney | Naĝi je Bondi Beach<br>Frue dormi je la 22-a | E-domo | | |
| 4.Jan | Sydney → Kazino | Vekiĝi kaj moviĝi al la kazino (restante en trajno) | trajno | trajno | 7:08~ 18:41 |
| 4.Jan | Kazino → surfers paradise | entrajne<br>Alveni kaj dormi | | | 19h11m~ 21h13m |
| 5.Jan | Gold Coast | Ekskursi urbocentron<br>Viziti artefaritan marbordon | | | |
| 6.Jan | Gold Coast | Sea World je Gold Coast per 3-taga bileto | | | |
| 7.Jan | Gold Coast | Dream World | | | |
| 8.Jan | Gold Coast → Brisbane | Wet and Wild (Gold Coast)<br>Foriro al Brisbane<br>Alveno je Brisbane; Registriĝi je dormejo | | trajno (*) | 20h32m~ 21h34m |
| 9.Jan | Brisbane | Ekskursi urbocentron | | | |
| 10.Jan | Brisbane | Moviĝi al South Bank | | | |
| 11.Jan | Brisbane → Cairns | Alveno je Cairns; Registriĝi je dormejo<br>Turismi urbocentron<br>Esplanade | | aviadilo | 14h25m~ 16h45m |
| 12.Jan | Cairns | Great Barrier Reef | | | |
| 13.Jan | Cairns | Turismi Kuranda | | | |
| 14.jan | Cairns→ Sydney | Ekskursi urbocentron<br>Foriro al Sydney<br>Alveno je E-domo | E-domo | aviadilo | 19h10m ~ 22h05m |
| 15.Jan | Sydney→ Seulo | Resti en Sydney ĝis la foriro al Seulo | | aviadilo | 22h15m~ 15h15m, 16.Dec |



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 5. Mi iras malsanulejen (unua ero)



Mi iris malsanulejen. Mi parolis kun la sinjorino. Ŝi diris, ke la stampaĵo en la pasporto ne gravas, ke ŝi povas tion ŝanĝi. Kaj tion ŝanĝis ŝi ja. Mi komencis labori en la malsanulejo preskaŭ tuj. Tie laboris ankaŭ, danke al Petro, esperantistoj el Francujo

kaj Hispanujo. Ŝajnis ke la flegistinestrino dungis eksterlandajn esperantistojn. La unuan tagon mi laboris en la kuirejo. Tio plaĉis al mi. Sed subite, iam en la posttagmezo, oni diris, ke morgaŭ mi komencos en unu el la fakoj por malsanuloj. Mi iris tien. Iu irlanda ĉefflegistino regis tie. Ŝi ne povis bone paroli al ordinaraj homoj. Estus pli bone por ŝi, se ŝi estus generalo en la brita armeo. Al mi ŝi ne plaĉis!

Ŝi ordonis al mi razi la malsanulojn antaŭ ilia operacio. Kaj mi devis ne razi iliajn vizaĝojn kiel la razisto en Hoek van Holland, mi devis razi iliajn pubajn harojn, kaj ne nur tiujn, sed ankaŭ tiujn en la anuso. Ĉar mi ne estas unu el tiuj, mi demandis, ĉu mi ne povas labori en fako por malsanulinoj. Sed tion la angloj ne povis permesi. Anglujo estas lando deca, ĉu ne ? Nur virinoj rajtas razi virinojn, sed ili rajtas razi ankaŭ virojn. Viroj rajtas razi nur virojn. Devas esti iom da diskriminacio, ĉu ne ? Alie estus egaleco inter la du seksoj !

Jean Pierre, franca esperantisto, montris al mi kiel razi malsanulon. Estis naŭze rigardi tion. Kiam estis mia vico provi, mi razis mian unuan viktimon. Ankaŭ al li tio ne plaĉis. Kiam ĉio estis finita, kaj la malsanulo kuŝis varme kaj seke en sia lito, venis la irlanda ĉefflegistino. Ŝi levis la litkovrilon, levis la noktoĉemizon de la malsanulo, levis ankaŭ ion alian, trovis sub la testikujo unu nigran haron, histeriiĝis kaj kriegis al mi "Robert, kio estas tio ?" "Tio estas unu haro !" mi respondis. "Rerazu lin !" ŝi histerie rekriegis. Kaj la kompatindulo kaj mi devis ambaŭ ree embarasiĝi. Sed li travivis la operacion, kaj iris hejmen. Nur bedaŭrinde, ke mi devis resti en la malsanulejo kaj suferi sub la irlanda ĉefflegistino.

La irlandanino tre malamis eksterlandanojn. Mi suspektas ke ŝi malamas eĉ la anglojn. Ŝi faris ĉion por humiligi min. Kiam la malsanuloj devis ĝui tason da teo, en la matenoj kaj posttagmezoj, estis mia devo surŝmiri buteron sur la panon por ili. Mi, kiel dano kaj kvarona svedo, ĝis tiam kutimiĝis al multe da butero, sed la irlandanino hipokrite opiniis, ke malsanuloj ne bezonas multe da butero. Ŝi do ĉiutage min riproĉis ke mi surŝmiras tro da butero. Ŝi eĉ prenis de mi la tranĉilon, kvazaŭ mi estus infaneto, surŝmiris mem pecon da pano per dikega tavolo da butero, kaj mem manĝis ĝin. Mi tiun tagon lernis ion pri la homoj. Tiam ŝi devigis min forskrapi la buteron de sur la pano de la malsanuloj. Nur tiam mi rajtis disdoni la panon al ili. Kompreneble mi klarigis al ili kial ne estas multe da butero sur la pano, sed ili ridegis kaj konvinkis min, ke tiu sinjorino estas tute freneza, kion mi jam antaŭ longe sciis.

Unu el ŝiaj plej brilaj ideoj estis ke Jean Pierre, Armando, Cezaro kaj mi devas lerni la anglan lingvon, verŝajne por ke ŝi komprenu, kion ni diras unu al la aliaj. Ŝia konscienco ordonis tion al ŝi.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## 3ZZZ



Kompreneble la elsendo de la 4a de decembro, tago de la 100a datreveno de la naskiĝtago de Marcel estas parte dediĉita al li: eblas aŭdi intervjuon de li kaj ankaŭ de la fama esperantisto Duncan Charters



informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Marcel in the Herald Sun

ACK & WHITE



JEN KELLY

 HeraldSunIBAW Phone 9292 27

 inblackandwhite@heraldsun.com.au

## Language master's milestone





MOST of us would be chuffed to master two languages in a lifetime.

Our newest centenarian is fluent in five — and can "get by" in an astonishing 11.

And Marcel Leereveld (pictured now and as a young man), who notched up a century yesterday, didn't start primary school until he was nine. "My parents thought that schools were bad for kids," he says.

Marcel, of Belgrave South, was born in Amsterdam, and in high school learned French, German and English as well as Dutch.

"I hated English because it is so rule-less," he recalls.

"Now I love English because of its wild structure, and because it shows how a beautiful language can develop out of a mixture of two or three other languages."

Marcel learned the constructed language Esperanto as a teenager through radio lessons and became an Esperanto teacher and grammar authority, publishing a 300-page reference book.

He's also learned Danish, Italian, Spanish, Latin, Classical Greek and, later in life, Indonesian. Marcel migrated to Australia with his wife and two children in 1952.

"One of the several reasons why I migrated to Australia was that I would be forced to become proficient in a language which I hated when young and which I now love as much as Esperanto and other languages," says Marcel, who is vice-president of the Melbourne Esperanto Association. "In order not to be sent to Bonegilla to work in the Snowy Mountains project, we were sponsored and housed in Melbourne by the Esperanto Association."

Marcel taught languages in private schools, including Geelong College, Wesley College and Caulfield Grammar School, and studied linguistics at Monash University.

Melbourne Esperanto Association president Joanne Johns points out research suggests that for people who regularly speak a second language, dementia may be delayed by about five years.

Sendis Joanne Johns al Heather Heldzingen kiu forsendis al Roger Springer, ktp.